# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Sekcio de Migrantaj poŝtkartoj,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.
Prezidanto: J o s e f G r o e b e l .
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5
Poŝtĉekkonto: Köln 37957

N-o.10 Oktobro 1925 2.jaro.

## LA HISTORIO DE LA LETERO.

(Daŭrigo.)

Krom tiuj tabuletoj, kiuj estis forsendataj kiel leteroj en sakoj de tolo, servis ankaŭ div. ŝtofoj kiel letermaterialoj ekz. feloj, silko, arbŝeloj, bonege plumboplatajoj k.t.p. La Ĉinoj kaj Persoj uzis silkon, sur kio la skribo estis pentrata per penikoj. La sankta skribo de Persoj estas skribita sur 1200 haŭtoj de bovoj. Kiel leterportistoj servis sklavoj, kiuj tre ofte en stranga eco estis uzataj kaj samtempe kiel letero vivanta servis por forsendi sekretkorespondojn. Herodot sciigis, ke la kapharoj de la sklavoj estis fortranĉataj kaj sur la blanka kapohaŭto, la letero estis skribata per certa koloro. Se la haroj estis ree kreskintaj, la viro estis forsendata, de la ricevanto razata, la letero sur la kapo legata laŭ sammaniere, la respondo resendata. Tio ĉesis, kiam oni malkaŝis la econ forsendi sekretleterojn.

Por skribi leterojn, sklavoj kaj literistoj estis bezonataj kaj tiuj-ĉi estis nomataj „Skriptores" kiuj estis ĝis 50-100, ĉar ĉiuj devis skribi la diktaĵon, ĉar alia eco multobligi ne ekzistis. En kortegoj nur kortegmalsaĝuloj plej ofte intiligentaj homoj, kun la internaj cirkonstancoj konfidaj personoj prizorgis la aferojn leterskribi kaj legi la enveníntajn leterojn.

Egiptujo estis provizata longtempe por skribmaterialo. Ĝi posedas de nepensebla tempo „Papyros" paperon kiu egalas nian hodiaŭan.

Estas plantoj, kiuj kreskas en marĉoj. Oni nur uzas la foliojn, kiuj estas sekigataj, kaj per tio estiĝ'is klara plataĵo, sur kiu oni povas skribi tre bone.

La skriboj de la Papyros daŭris ĝ'is hodiaŭ. Ĉar nun ankaŭ aliaj landoj servis sin de Papyros, Egiptujo estis ĵaluza kaj permesis eksporton de tiu-ĉi papero. Pro tio multaj landoj serĉis aliajn skribmaterialojn kaj en la urbo „Pergamus" oni eltrovis novan paperon la „Pergament". Tiu-ĉi pergameto fariĝ'as de la besthaŭtoj kaj estas tre delikata materialo kaj estas disvastigata tre baldaŭ en la tuta mondo. Romanoj produktis ĝ'in de bovidfeloj kaj en la mezepoko ĝ'i venis al mezeŭropo.

En mezepoko, ĉiuj kontraktoj de ŝtatoj kaj de privatuloj ĝ'is la lasta tempo estas surskribitaj sur pergamento. G'is hodiaŭ oni trovis skribaĵojn leterojn ktp. sur tiu-ĉi papero konservata en muzeoj kaj mondarkivoj.

La nunaj postsignoj de regula leterekspedado ree atingis malproksime en antikveco, sed jam perfekte oni trovis ĉe ĉinoj kaj persaj. En Persujo estis arang'ata antaŭ pli ol 1000 jaroj pli multe ol 100 stacioj, en kiuj tage kaj nokte ĉevaloj selitaj kaj vojaĝ'pretaj viroj pretastaris, por forporti envenantajn leterojn.

Kiam alvenis rajdanta leterportisto en stacio tiam li aliĵetis la sakon kun leteroj al sklavo vojag'preta aŭ al letersendisto, kiu malproksimportas la sendaĵon. Ankaŭ la romanoj enkondukas tiun poŝton. La malnova roma poŝto estis farata sur bone batataj armeostratoj en ĉiuj almilitataj landoj. La sciigoj alvenis en Romo en 20-25 tagoj de ĉiuj landoj. Tiun-ĉi regulecon konservis la tuta imperio roma.

(Daŭrigota.)

---

## Por ŝtampkolektantoj.

La reprezentanto de la Amikeco alportis de la 17a internacia Esperanto mondkongreso en Genevo amason da „festŝtampoj" kiuj estos sendataj al la interesig'antoj sensendpago kontraŭ respondkupono.

*

## Por helpmonkolektantoj.

Rusa helpmono,ĉirkaŭ 70 paperaj monoj kaj 40 markoj estis sendataj al la estro okaze poŝtmarkinterŝang'on. Tiu-ĉi helpmono estas havebla je 1 U.S, Dolaro kiel enspozo por la Amikeco.

*

## N I G R A L I S T O.

La prezidanto de la „Amikeco" forsendis je monato Majo po 100 diversajn poŝtmarkojn cele interŝang'o sekve de anoncoj en la „Heroldo de Esperanto" al la subnomitaj gesamideanoj.

S-ro. Trinitat Saez, Baquero Italica 2-3 en Sevila, Hispanujo.

S-ro. D.Montblanch, S Leopolda 118 en Tarrasa, Hispanujo.

S-ro. Miron Caracaceff, rue 83 n-o 15 en Pleven, Bulgarujo.

S-ro Guiseppe Travaglia, en Sangemini,(Perugia) Jtalujo.

S-ro P. Jesaitis, Silavos g-ve 22 en Rasciniai, Litovio.

Ĉar tiuj ne respondis g'is nun, ŝang'interrilato estas avertata.

*

## N O V A J K A T A L O G O J !

Michel katalogoj 1926.Eldonejo Schwaneberger Albums G.m.b.H. Feldstr.18-20, Leipzig-R. Laŭ sciigo de la eldonejo la novaj katalogoj, de Eŭropo 1926 estas aperontaj Novembron 1925 kaj transmaro 1926 Januaron 1926. Laŭdire la novaj eldonoj distingig'as je fundamenta kaj scienca laborado.La markprezoj estas trovitaj per preciza atento de la foira situacio. Per uzado de nur bonaj skribajoj kaj kliŝoj la nova katologo faras bonan impreson ankaŭ malinterne per sia tola bindo.

Senf katalogo, volumo I Eŭropo 1926. La firmo „Gebrüder Senf, Leipzig, Postfach" informas nin, ke ĝi intencas eĉ en monato Septembro eldoni novan katalogon, ĉar ĝi finvendis tute la lastan katalogon. Por povi plenumi ĉiujn mendojn, la firmo devigis reaĉeti katalogojn ĉe filatelistaj komercistoj. La eldono 1926 estas plene nove laborita kaj enhavas ĉiujn ĝis nun aperitajn markojn de Eŭropo. La nova katalogo estas bindita en nova, moderna kovrilo. La markprezoj respondas la nunan foiran situacion. Prezo 6 ormarkoj aŭ 1½ U.S. dolaroj. Sendkosto aparte. La katalogo jam aperis antaŭ ol tiuj-ĉi linioj estas presitaj.

„Zumstein's" eŭropokatalogo 1926. La nova katalogo aperos eĉ tiun-ĉi monaton. Ĝi enhavas 750 paĝojn kun pli ol 2800 kvarkolorpresitaj kopioj, premienigmo kaj bileto por akiro de la eldono, al la katalogo. Prezo 5 Sv. fr. Poŝtsendpago kaj pako 1,25 fr. Havebla je:

Zumstein & Cie, BERN 11, Svisujo.

---



---


Abonprezo: po jaro 1 U.S. Dolaro.
Anoncprezoj: 1 paĝo 8 U.S. Dolaroj, ½ paĝo 5½ U.S. Dolaroj, ¼ paĝo 2 U.S. Dolaroj. Malgrandaj interŝanĝanoncoj ĉiu vorto 5 orpfenigojn. Fino de la akcepto de anoncoj po la 25 a de monato.